# Eseoj memore al Ivo Lapenna




Eldonita de Instituto Ivo Lapenna, 2001.

Fascina mozaiko de personaj rememoroj per 47 kontribuaĵoj de 29 aŭtoroj pri la arkitekto kaj konstruinto de la moderna UEA. Verko redaktita de la itala esperantologiisto Carlos Minnaja. La libron akompanas lumdisko kun 3 festprelegoj de la aŭtoro.

Formato: 125cm, 417 paĝoj - R$ 202,50




easp.org.br/butiko

KOVRILO
Omaĝo al la 93-jara esperantisto Alberto Flores dum la BEL-Konferencoj 2016.
Foto: Aparecida Araújo


**LA LAMPIRO** *57-a jaro n-ro 137 2016:1*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo** (Aperas trifoje dum la jaro)
**Ĉefredaktantoj**: Paŭlo Sergio Viana (psviana@terra.com.br)
**Grafikaranĝo**: José Roberto Tenorio
*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*


# easp

## Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro .................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ............... | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |

**Deĵoroj**:
lunde kaj merkrede: 10h – 16h; ĵaŭde kaj vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 18h.



ENHAVO

# Vortoj de la redaktanto

"La Lampiro" estas tradicia revuo en Brazilo. Ĝi ekzistas jam de jardekoj kaj estas unu el la "vizaĝoj" de EASP. Ĝi estas unu el la plej gravaj Esperantaj revuoj en nia lando, flanke de "Brazila Esperantisto". De tempo al tempo, la aperigado de nia revuo tamen lamas. Ankaŭ dum la jaro 2015: nur du numeroj aperis. Ni, EASPanoj, devus konsterne protesti.

Sed okazas mirinda fenomeno: neniu protestas! Nek la anoj, nek la simpatiantoj de EASP – neniu protestis aŭ almenaŭ bedaŭris, laŭ mia scio. Nur la estraro mem, kiu iom honte konfesis, ke mankas laborfortoj por teni La Lampiron flagranta.

Demando stariĝas: ĉu nia revuo ankoraŭ okupas la saman gravan rangon en la movado de ŝtato San-Paŭlo? Ĉu la publiko serĉas aliajn vojojn? Ĉu la ĉion reganta interreto iom post iom puŝas ĝin al la arkivoj de la historio? Ĉu la Esperantistaro ankoraŭ emas legi kultur-varietan revuon, kiu enhavas artikolojn kaj raportojn netroveblajn en interreto?

Du samtempaj faktoj influas ĉi tiujn konsiderojn: unue, la membraro de EASP (kaj cetere de plej multaj tradiciaj Esperantoinstitucioj en la mondo) iom post iom malgrandiĝas, kaj pri tio multaj spertuloj esprimis plej variajn opiniojn; due, enketo farita de la pasinta estraro de EASP montris, ke plej multaj legantoj de "La Lampiro" preferas ricevi ĝin per la reto, ne papere (ĉu por eviti elspezojn al EASP? ĉu pro ekologia konscio? ĉu pro la nerezistebla allogo de komputiloj?).

Miaopinie, "La Lampiro" devus aperi kaj virtuale, kaj papere. Ni pensu pri niaj ankoraŭ ekzistantaj samideanoj, kiuj ne uzas komputilojn! Ni pensu pri la ebleco montri al iu grava neesperantisto nian laboron (montri "La Lampiron" sur la ekraneto de komputiltelefono estus hontinde). Ni pensu pri la ĝenerala aserto de gelegemuloj, ke estas multe pli profite kaj agrable legi paperaĵon ol ekranaĵon.

Pensu krome pri la sinteno de gravaj neesperantaj institucioj. Unu ekzemplo: la granda reto de librovendejoj "Cultura", funkcianta en pluraj brazilaj ŝtatoj. Ĝi publikigas monate belan revuon, kiun ĝi senpage disdonas al la publiko, kiu frekventas ĝiajn vendejojn. Kial ili uzas por tio paperajn eldonojn? Ĉu ili ne povus ŝpari monon per nur virtuala eldono?

Antaŭ nelonge elektiĝis nova estraro de EASP. Kaj unu el ĝiaj ĉefaj celoj estas revivigi "La Lampiron". Nia unua paŝo estas demandi vin, legantojn: kion vi esperas de la revuo? kiel vi povus kunlabori kun ĝi? Bonvolu starigi vian sinceran opinion. Ni sincere atentos.

# BEL-Konferencoj 2016

## La evento bone atingis sian celon

**Paŭlo Sergio Viana**

Foto: Aparecida Araújo



*Omaĝo al la esperanta aktivulo Túlio Flôres (dekstre) fare de Brazila Esperanto-Ligo.*

La 25-an kaj 26-an de marto 2016, en la urbo Petropolo, en ŝtato Rio de Janeiro, Brazilo, okazis denove la BEL-Konferencoj 2016, sub la aŭspicio de Brazila Esperanto-Ligo. La sidejo de la evento estis Neregistara Organizo "Casa da Cidadania" (Domo de Civitaneco), kiu proponis komfortan ĉambron en la urbocentro. Kaj oni povas diri, ke ĝi plene sukcesis. Pli ol 50 homoj el diversaj brazilaj ŝtatoj ĉeestis naŭ altnivelajn prelegojn kaj vigle demandis kaj diskutis post ĉiu prezento.

La unua programero estis omaĝo al grava brazila Esperantisto Túlio Flores, kiu ricevis plakon, diplomon kaj donaceton, je la nomo de la "brazila samideanaro". Inter pluraj gravaj servoj al nia movado, li verkis (fakte daŭre verkas) retan vortaron, tradukis la Fundamenton de Esperanto al la portugala lingvo kaj publikigis la propagandan broŝuron "Malkovru Esperanton". Nuntempe li preparas tradukekzercojn por portugal-lingvanoj.

La BEL-Konferencoj 2016 proponis al la publiko plej variajn temojn. Vendrede, sub reĝisorado de Paulo Nascentes, oni prelegis pri "la graveco legi kaj relegi la Biblion en Esperanto" (Affonso Soares), fonologio (Karina Oliveira) kaj fasonado (José R. Tenório). Sabate matene (reĝisoro Fernando Pita), la temoj estis fremdvortoj en Esperanto (Osmar Alves), literatura analizo de du romanoj (Rita Moraes) kaj toksomanio (Elmir Santos). Sabate posttagmeze, la programo kompletiĝis sub la reĝisorado de Márcio Santos, kaj oni diskutis pri la poezio de brazila poeto Ruy Espinheira (Nazaré Laroca), pri akvoproduktado (Allan Argolo) kaj la Esperanto-programoj de Radio Rio de Janeiro (Fabiano Henrique). Ĉiu ĉeestanto ricevis senpage kajeron kun la resumoj de ĉiuj prelegoj.

En paŭzo inter prelegoj oni omaĝis per plako alian konatan brazilan Esperantoaktivulon: Alberto Flores, kiu jam pli ol 70 jarojn senĉese laboras por nia afero (kaj plu instruas, 93-jaraĝa!). Li dankis per emociiga paroladeto.

Dum la dutaga evento oni proponis libroservon kaj malavarajn lunĉojn preparitajn de la lokaj organizantoj. Al la lokaj aktivuloj Márcio Santos (prezidanto de Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro) kaj Luiz Schanuel ni ŝuldas fortan dankon, pro ilia zorga kaj kompetenta laboro.

# Eduki por la vivo
## Neforgeseblaj lecionoj

**Dirce Sales**





*Simbolo de gestlingvo LIBRAS (supre) kaj la internacia simbolo pri surdeco (apude)*

Dum sekvaj jaroj mi laboris kiel instruistino ĉe Speciala Klaso por Surduloj, en la Registara Edukreto en Rio de Janeiro.

Rimarkindaj faktoj okazis dum tiu periodo, kiuj neniam estis forgesitaj de mia koro.

Kaj nun mi skribas por rememori...

Dum tiu tempo, la plimulto el miaj gelernantoj elvenis de INES (Nacia Instituto por Edukado de Surduloj), kies ĉefa instruo estis farita surbaze de LIBRAS (Brazila Lingvo per Mansignoj).

Dum ni, laborantaj ĉe Specialaj Klasoj orientitaj de Instituto Helena Antipoff, uzis metodon nomata Perdoncini, omaĝe al la franca lingvisto, doktoro kaj profesoro kiu uzis la ankoraŭ restantan aŭdkapablon, kiu daŭras en ĉiu persono, kiu perdas la kapablon aŭdi aŭ jam naskiĝas sen ĝi.

Li stimulis la personojn atentigi pri la vortoj, ilin ripeti.

Mi rimarkis, ke mia klaso trouzis la mangestojn sed parolis nenion, escepte ĉiujn konatajn brazilajn fivortojn kaj la vorton burro – azeno en Esperanto. Kaj ili laŭte kaj bone parolis!

Do mi proponis la jenon al la klaso: ili instruos LIBRAS al mi kaj mi al ili instruos uzi la voĉon.

Certe ne estis facila tasko, kaj mi ne sukcesis ellerni LIBRAS, tamen la tempo montris bonajn rezultojn...

Unu el miaj gelernantoj, Higor, kiu eniris longe post la komenco de la instrujaro, montris decidan volon komunikiĝi.

Mi decidis do promeni kun li en la ĉambro kaj montri al li plurajn bildojn, vortojn, informojn, kiujn mi uzis kiel helpilojn. Kiam li vidis la futbalajn signojn, larĝa rideto lumigis lian vizaĝon ĉefe antaŭ la ŝildo de la brazila teamo Botafogo, kaj li indikis per polekso la tujan aprobon. Do Botafogo estis la ponto de komuniko inter ni.

Kaj pli kaj pli, lia konfido je mi ebligis grandajn progresojn kaj neforgeseblan surprizon, kiel en la tago kiam li petis permeson por eliri el la ĉambro, sed ĉe lia eliro, mi devus fermi la pordon.

*Daŭrigota sur la paĝo 22*

# Kino kaj aliaj artoj
## Recenzo - filmo: Blanka Elefanto

**Anna Lobo**

```
Nomo: Elefante branco
(Blanka Elefanto)
Filmodaŭro: 1h 45min
Reĝisoro: Pablo Trapero
Aktoroj: Ricardo Darín,
Jérémie Renier, Martina Gusman
Tipo: Dramo
Nacioj: Argentino, Francio
kaj Hispanio
```




Mi interesiĝis spekti tiun filmon pro la aktoro Ricardo Darín. Li iĝas pli kaj pli konata en la kinomedio ĉefe post unu el siaj lastaj filmoj "Relatos Selvagens" – Sovaĝaj Rakontoj en Esperanto – pro sia bonega aktorumado en ĝi. Li ofte rolas en ne kutimaj filmoj kun interesaj historioj, kiuj ne sekvas la usonan manieron, kaj tiu ĉi ne povus esti malsama. Atentu, ke mi ja ŝatas multajn usonajn filmojn, sed mi ne povas kaŝi mian intereson pri alilandaj filmoj.

La unua afero kiu vekas nian atenton, estas la nomo "Blanka Elefanto". Ne, ne temas pri la besto. Tiu ĉi nomo rilatas al la fakto ke ni uzas ĝin kiel esprimon uzatan politike, kiu signifas ian publikan lokon kiu ne estas uzata. La filmo do temas pri la ĉiutagaĵo de iu domaĉaro en Bonaero, kiu estas proksima al iu grandega konstruaĵo, kiu estis starigita kun la celo ŝirmi sendomajn homojn.

Dum la filmo, oni ekkonas la teksaĵon ene de tiu interesa loko, aldone al tio la kulturon, bruon, perforton, belecon, kaj ĉefe – la volon supervivi. Mi tre ŝatas la fotografion de la filmo kaj la artajn okulojn de la direktoro rilate al la scenoj, ofte intensaj kaj iom ŝokaj. Pro tio ĉio mi certe indikas ĝian spektadon, kaj malkovru la mirindaĵojn en tia spaco, la kuniĝon de la homoj, la fidon je io pli bona kaj ĝuu la sperton de la komenco ĝis la, eble, fino.



# La Metamorfozo post cent jaroj

**Paŭlo Sergio Viana**






Ekzistas aŭtoroj, kiuj fariĝas universalaj. Tiun universalecon oni povas observi laŭ diversaj kriterioj. Unu el la plej interesaj kriterioj estas, kiam ili estigas novajn vortojn. Tiel formiĝis la internaciaj vortoj ´danteska´, ´kiĥoteska´, ´hamleta´, ´raskolnikova´ - danke al senmortaj verkoj de Dante, Cervantes, Shakespeare kaj Dostojevskji. Unu plia tipa ekzemplo estas la epitetoj ´kafka´, aŭ ´kafkeca´, kiuj esprimas ian senton de absurdeco, strangeco, bizareco. Ĝi estas atesto pri la signifo de la verkaro de la granda Franz Kafka, tutmonde rekonata kiel genia kreinto de neforges-eblaj imagoj por ĉiuj popoloj, ĉie.

En la jaro 2015 oni celebris la cent-jariĝon de unu el liaj ĉefverkoj, eble la plej konata kaj certe tiu, kiu plej ofte kontribuis al la firmiĝo de la menciita epiteto: ´La Metamorfozo´. Tiun nelongan rakonton Kafka verkis dum 20 tagoj, en la komenco de la 20-a jarcento; la unua eldono aperis en 1915.

Ĝis nun tiu verko legiĝas kun frapa sento pri moderneco. Temas pri fantasta historio pri viro, kiu vivadas premegita de troa respondeco kaj unu tagon transformiĝas en... monstran, grandan insekton. Sekvas surprizaj situacioj en rilato kun la familianoj kaj aliaj personoj. Oni finas la legadon kun kapturniĝo. Kion pensi?

Franz Kafka naskiĝis en Ĉeĥujo, en la jaro 1883 kaj mortis nur 41-jara. Li diplomiĝis kiel advokato. Liaj rilatoj kun la patro estis konfliktaj — pri tio li verkis konatan tekston ´Letero al la patro´. Li estis judo kaj verkis en la germana lingvo. Lia sentema, tute aparta maniero rigardi la mondon faris, ke li produktu tute originalan literaturon, en kiu la ´ne-senco´ estas forta trajto. En la verko ´La Proceso´, anonima homo estas akuzata, kaj oni neniam ekscias la motivon de la akuzo. En lia lasta verko ´La Kastelo´, homo estas alvokita al kastelo por laboro, sed neniam sukcesas enveni en la konstruaĵon.

La ekstravagancaj situacioj en ´La Metamorfozo´ estas priskribitaj laŭ tre realisma maniero. Pro tia kontrasta stilo, la verko estigas diversajn interpretojn. Ne estas eble legi ĝin sen ekscitiĝo. Oni tuj pensas pri la krueleco de sociaj reguloj, pri la malforteco de familiaj rilatoj, pri manko de memestimo kaj memrespekto. Fine, ke la homo estas foje turmentanto de si mem. Jen unu el ĝiaj alvokoj al serioza medito.

´La Metamorfozo´ estis tradukita al Esperanto trifoje. La unuan tradukon plenumis Mauro Nervi, en 1996; la duan, Vilhelmo Lutermano, tuj poste; la trian Reinhard Haupenthal, en la jaro 2000. Laŭ la respektinda opinio de la sveda beletristo Sten Johansson, la unua versio estas la plej bona. Eble valoras la penon legi ĉiujn versiojn kaj formi propran opinion.

# Kiu ridas, mizeron forigas

EN FRENEZULEJO

Psikiatro envenas frenezulejon por la ĉiutaga vizito al pacientoj, kaj trovas viron sidantan sur sofo, en ĉambro. De plafona trabo pendas alia viro, tute senmova. La doktoro demandas:

— Kial li pendas de la plafono?

— Li pensas, ke li estas lampo.

— Kaj kial vi ne forprenas lin de tie?

— Ĉu vi sugestas, ke mi sidu en mallumo?!

SEN DEMANDOJ

Virino envenas la konsultejon, eksidas kaj longan tempon rigardas la doktoron, silente. Post iom da tempo, li demandas:

— Do, kion vi sentas?

La virino malbonhumore respondas:

— Vi devas scii. Ĉu ne vi estas la kuracisto?

La kuracisto mallevas la kapon kaj skribas ion sur papero. Kaj li diras:

— Iru al ĉi tiu doktoro, li solvos vian problemon. Li estas fakulo, kiu diagnozas sen interparolo.

— Kiu estas lia fako?

— Li estas bestkuracisto.

MALFACILA KURACILO

Paciento ricevis recepton post la konsulto. La doktoro diris:

— Prenu ĉi tiun medikamenton, kaj vi fartos pli bone.

Post kelkaj tagoj, li revenis, ĉar la malsano tute ne cedis. La kuracisto demandis:

— Ĉu vi zorge englutis la medikamenton?

— Neeble, doktoro! Sur la skatoleto troviĝas averto: "Konservu ĉi tiun skatolon fermita".



# Eŭreka

**Luis Guilherme Souto Jardim**
Mag. pri Interlingvistiko kaj Esperantologio ĉe UAM

Saluton, kara leganto. Pere de ĉi tiu nova rubriko mi esperas pritrakti sciencajn temojn al kiuj, multefoje, esperantistoj verkistoj ne donas atenton. Ni scias multon pri la lingva problemo de la mondo, pri la gramatikaj aspektoj de la lingvo de la suda parto de Hindujo, pri rilato inter la literaturo de Esperanto kaj la laborista partio k.t.p., sed tre malmulton pri la ekspansianta universo, la formado de la galaksioj, pri la malkovro de la genoj, ekzemple. Nia vortprovizo ne enhavas vortojn kiel kvarkoj aŭ molekulo aŭ eĉ fosilioj. La junulo post la ĉeesto en esperanta kurso volas legi ion el siaj preferataj temoj. Ĉu ja ni vere kredas ke la preferata temo de junuloj, adoleskantoj, estas la klasifiko de lingvoj laŭ la kriterio objekto, verbo kaj subjekto? Mi sentis la mankon de tiaj tekstoj tuj post miaj unuaj lecionoj de Esperanto al junuloj antaŭ dek jaroj. Por solvi tiun problemon aŭ plenigi tiun truon, mi, tiam, tradukis sciencajn verkojn kaj artikolojn el diversaj fontoj.

Mi elektis interesajn kaj modernajn temojn, ĉiam kun la celo veki la atenton de miaj lernantoj. Nun mi fiere kaj ĝoje aperigas en ĉi tiu rubriko de nia kara Lampiro kelkajn el ili, uzante simplan stilon. La ideo estas veki la atenton de la nova esperantisto. Mi esperas ke vi ĝuos sammaniere kiel miaj lernantoj.

Oni povas diri, tute certe, ke en la dudeka jarcento la universo eniris la konscion de la personoj kaj fascinis la popolan imagon. La sukceso de scienc-fikcio kiel unu el la precipaj popolaj amuzaĵoj, la kreskado de hobia astronomio kaj la ampleksa (kaj tute ne scienca) interesiĝo pri "neidentigitaj flugantaj objektoj" estas, ĉiuj, rezultoj de la maniero, kiel la personoj vidas la mondon en kiu ili vivas. Pro tio mi komencas nian unuan artikolon pritraktante tiun fakon. Jen ĝi.

## LA EKSPANSIANTA UNIVERSO

Leĝo de Hubble

Dum la unuaj du jardekoj de la dudeka jarcento, pluraj astronomoj studis la samformajn nebulozojn diskoformajn trovitajn sur la ĉielo. Laŭgrade kiel pli kaj pli da informoj estis grupigitaj, ŝajnis ke ĉiuj moviĝis en nia direkto aŭ malproksimiĝis de ni je grandegaj rapidecoj. Tio estis malkovrita pere de spektroskopa analizo de la onda longeco de la lumo, simile kiel la tono en la sonaj fenomenoj. Ekzakte kiel la motoroj de la kuraŭtomobiloj kiuj donas akutan sonon kiam ili akceliĝas en nian direkton kaj malakutan kiam ili malproksimiĝas, la longeco de la ondo de la lumo

flankeniras al la viola koloro en la ekstremo de la luma spektro kiam la fonto proksimiĝas al ni, kaj al la ruĝa kiam ĝi malproksimiĝas. Do, Edwin Hubble pruvis en la 1920-a jardeko ke la nebulozoj estas galaksioj malproksimaj, tre malproksimaj de Lakta Vojo. Li mezuris (kun sufiĉa precizeco) la distancon de kelkaj galaksioj pli proksimaj, pere de observado de la steloj ilin komponantaj, kaj malkovris ke la plej grandaj kaj la plej lumaj estas ĉiam tiuj, kiuj estis je malpli granda distanco. La evidenta ekspliko estas ke ĉiuj galaksioj havas la saman grandecon kaj ke eblas taksi iliajn distancojn simple per la ŝajnaj grandecoj kaj lumecoj. Hubble komencis, tiam, observi ilin per spektroskopo por konstati je kioma rapideco ili alproksimiĝas aŭ forkuras de ni, kaj baldaŭ li faris unu el la plej gravaj malkovroj ĉiutempaj en astronomio. Averaĝe, kiom pli malproksima unu galaksio estas, des pli granda estas la rapideco per kiu ĝi malproksimiĝas de ni. Tiu diraĵo estas konata kiel Leĝo de Hubble. Unuavide ŝajnas ke ni estas ekzakte en la centro de la universo, kie ĉio malproksimiĝas de ni rapide. Tamen, tio ne okazas, la universo ŝajnigas sin sammaniere de iu ajn alia loko. En iu ajn parto de la universo, la galaksioj ŝajnus malproksimiĝi unu de la aliaj. Ĝis antaŭ malmulte da tempo oni kredis ke tiu ekspansio fariĝos pli malrapida pro la influo de la gravito kaj, ke iam la tuta universo kolapsos, kaj falos sur sin mem. Tamen, nuntempaj observoj sugestas ke tio povas ne esti tute vera. Kontraŭe, la ekspansio ŝajnas okazi en pli granda rapideco, kiel se ia mistera forto okazigus forpuŝon inter la galaksioj. La Leĝo de Hubble notindas ĉar ĝi konfirmas la teorion de Ĝenerala Relativeco de Einstein. En la originala versio de la teorio, la universo ne devus esti senmova: ĝi devus esti ekspansianta aŭ malplivastiĝanta. Einstein konvinkis sin mem ŝanĝi malmulte la teorion cele apliki ĝin al senmova universo, sed, kiam li ekkonis la malkovrojn de Hubble, li diris ke la ŝanĝo, kiun li faris estis “la plej granda eraro en sia vivo” kaj tuj revenis al la originala versio. Do kiel ĉiuj grandaj malkovroj, la Leĝo de Hubble aperigas pli grandajn demandojn ol tiujn, kiujn ĝi solvas. Se la universo ne estas senmova, ĉu tio signifas ke ĝi havis unu komencon? Kaj ĉu ĝi havos unu finon? Tiuj diraĵoj superregas la kosmologion ekde tiam.




E. Hubble, Proceedings of the National Academy of Science, USA, 15, 168-173 (1929)

Artikolo tradukita kaj simpligita el la libro Eŭreka de Rupert Lee, kun la rajto de la aŭtoro.

# Lingva Diverseco

## kiujn lingvajn nomojn vi povas memori?

**Karina Oliveira**

Oni scias ke estas ege multaj lingvoj tra la mondo, sed kutime oni eĉ ne konas la nomojn de ili. Krom la kutimaj priparolataj lingvoj, kiel la angla, la germana, la hispana, la franca, la rusa, ktp, kiujn pli vi konas?

Ekzistas ĉirkaŭ 6 mil lingvoj. La difino de la nombro ne estas ekzakta, ĉar povas esti ke du malsamaj lingvoj estas konsiderataj kiel vere malsamaj lingvoj por kelkaj lingvistoj kaj por aliaj ili povas esti konsidetaraj kiel dialektoj de la samaj lingvoj.



Pluraj skribmanieroj estas uzataj por ortografie montri la sonojn de tiuj lingvoj. Estas la alfabeto kiun ni uzas por la portugala kaj por esperanto, kies karakterojn vi vidas en tiu ĉi teksto. Kelkaj aziaj lingvoj, kiel la ĉina, la japana kaj la korea, uzas simbolojn kiel 世界 , エスペラント kaj 에스페란토. Ankaŭ la armena (ĉu vi scias kie estas Armenio?) uzas sian propran alfabeton, kiu entenas simbolojn kiel Էսպերանտո. Eble la rusajn simbolojn vi jam vidis, ĉu? Kaj kio pri la vjetnama? Kaj ĉu vi scias per kio oni skribas la afrikajn lingvojn? Ĉu estas multaj lingvoj en Afriko? La araba, ekzemple, uzas simbolojn ege belajn, kiel تناربسالا.

Gravas konscii ke ankaŭ ekzistas lingvoj kiuj ne havas skribsistemojn, ili estas nur parolaj. Multaj indiĝenaj lingvoj estas en tiu situacio. Imagu ke se ĉiuj parolantoj de tia lingvo mortas, la lingvo mortas kun ili, ĉar ne estas iu ajn skriba registro de la lingvo (kaj kutime ankaŭ ne estas sonaj registroj). Tial estas grava laboro de la lingvistoj registri tiujn lingvojn kaj zorgi pri iliaj priskriboj antaŭ la mondo.

Sed ne nur la alfabeto povas esti tre malsama, ankaŭ la sonoj malsimilas inter si. Estas kelkaj afrikaj lingvoj, ekzemple, kiuj havas la klaketajn sonojn. Ili estas realigitaj per ingresiva aerfluo (tio estas, la aero eniras en la buŝon, kaj la kutimo estas ke la aero eliru). Tiuj sonoj estas kiel la sono kiun ni faras por nei, kelkfoje. Imagu ke vi batas vian langon en la palato (supra parto ene de la buŝo), suĉante la aeron por fari bruon. Nun, imagu ke vi uzas tian sonon ene de iu vorto, plurfoje dum iu frazo. Ŝajnas tre malfacile, ĉu ne? Nu, por kelkaj lingvoparolantoj en nia mondo ĝi estas tute normala afero.

En la venontaj tekstoj mi prezentos kelkajn lingvojn por ke vi konsciu kiom mojose estas koni aliajn lingvajn sonojn, morfologiajn kaj sintaksajn procezojn, pragmatajn uzojn, ktp. Intertempe, mi

*Daŭrigota sur la paĝo 22*

# Ĉu poezio necesas?

Maria Nazaré Laroca




Ekde pratempoj poezio enestas en la vivo de la homaro. Nur la rigardo de poeto kapablas senvualigi la kaŝitan poezion, kiu kuŝas en la plej simplaj aferoj de la ĉiutaga vivo.

Ni do inaŭguras ĉi tiun paĝon per frandaj poemetoj de Kálmán Kalocsay por memorigi la daton de lia forpaso antaŭ 40 jaroj, en la 27-a de februaro 1976. Kálmán Kalocsay naskiĝis en 1891 en la vilaĝo Abaújszántó, en norda Hungario. Profesie, li estis medicinisto (infektologo) kaj titolita universitata profesoro.

"Masonisto de la Parnaso" kaj samtempe "fondinto de avangarda poezio", Kalocsay rolas kiel moderna klasika poeto. Li estas unu el la plej elstaraj kaj talentaj gigantoj en la Esperanta kulturo: fajna poeto, perfekta tradukisto, brila eseisto, serioza lingvisto kaj gramatikisto.

La leganto ĝuu kelkajn "Japaneskojn" (laŭ japanaj tankaoj, el lia poemaro Izolo (presita en 1939, aperigita en 1977), kiuj al mi tre plaĉas.

"La tankao estas japandevena poemo: ĝin formas kvin versoj de respektive 5,7,5,7 kaj 7 silaboj (...). La plej harmonia rimado estus kunrimi la unuan kaj trian verson (kiel ĉe la hajko) kaj ligi per alia rimo la du lastajn."[1]

[1](El Parnasa gvidlibro, Edistudio. 1984; pĝ 67; K.Kalocsay, G. Waringhien, R.Bernard).

**Danĝero**
L' amata estas
Balon' de fea revo.
Se vi ĝin kaptas,
Ju pli vi ĝin alpremas,
Des pli minacas krevo.

**La senhonta rozo**
La rozburĝono
Petalon post petalo
Malfermas nokte.
Jam nudas. Ve, se venos
Maten', estos skandalo!


*Kálmán Kalocsay (1891-1976)*

**Revo**
La vagabondo
En la vesper' serena
Verŝiĝi lasas
L' arĝenton de la luno
Al sia poŝ' malplena.

**Prujno**
Kia teruro
Fantomis tra l' arbaro,
Ke pro l' hororo
Al ĝi dum unu nokto
Griziĝis ĉiu haro?

# Artistoj en San-Paŭlo

## MENALTON BRAFF


Foto Disvastigo

*Menalton Braff*

*Tiu grava, multe premiita, moderna brazila verkisto naskiĝis fakte en la ŝtato Rio Grande do Sul, sed loĝe fiksiĝis en la interno de ŝtato San-Paŭlo, proksime al la urbo Ribeirão Preto. Li komence ekstudis Ekonomikon, sed poste direktiĝis al Beletro. Li estas profesoro, novelisto kaj romanisto kaj pro tio ricevis jam diversajn gravajn premiojn – interalie la premion Jabuti, dufoje. Lastatempe li publikigis ankaŭ kvar porjunulajn verkojn. Unu el tiuj havas la (almenaŭ por ni) kuriozan titolon ´Mirinda´. En ĵurnaloj Braff aperigas ankaŭ sukajn kronikaĵojn.*

*Jen ni proponas al la legantoj, en Esperanta vesto, unu el ĉi tiuj, aperinta en la retejo de la aŭtoro:*

TIO ESTIS LA MARO

Mi naskiĝis en la interno de la lando; je la unua fojo mi vidis havenon. Mi estis tiam proksimume kvarjara, kaj iu tiris min je la mano, probable unu el miaj pli aĝaj fratoj. Laŭ mia memoro, mi estis tre eta, kaj mi supozas, ke ankaŭ eta estis mia emocio, kiam mi rigardis malsupren kaj vidis la maron, kiun la ceteraj homoj montris, gaje. Nu, tio estis la emocio ebla en tiaaĝa infano, ia emocio, kiu prefere ŝajnis ektimo: tiom da moviĝanta akvo.

Ni staris sur cementa platformo, tre alta platformo, ĝis nun ŝajnas al mi, ke ĝi estis altega, kaj tio plene teruris min. Mi pensas, ke ĝi estis multe pli alta ol mi. La akvo, en tiu vesperiĝa horo, alvenis trankvile ĝis la piedo de la cementa platformo, glitante sur nigra sablo, mikse kun ĉiaj elĵetaĵoj el la urbo. Kaj la ŝaŭmo, kiu naĝis sur la dorso de la ondoj, ne estis blanka kiel neĝo. Malbonega estis la impreso, kiun tio kaŭzis al mi, tuj post la unua entuziasmo. Kvarjara aĝo ne estas vivmomento propra por trapasi elreviĝojn, kaj jen tie staris la knabo, kaj li rigardis la fundon de tiu maro, tie fronte, najbara maro, kaj li tute elreviĝis pro tiu naŭza ŝlimo kaj pro tiu forta odoro, eble forpuŝa...

La urbo Rio Grande, kie okazis tiu renkonto, eble estas la plej malsekklimata

*Daŭrigota sur la paĝo 15*

# Vortoj de la Prezidanto

**Prof. Genildo Martin Coelho**



Nia asocio bezonas la kunlaboron de ĉiuj anoj, por ke ni povu utiligi nian movadon kaj pruvi al la laika publiko ke ekzistas nur unu solvo al la monda lingva problemo, kiu estas la adopto de neŭtrala internacia lingvo.

Por ke tio okazu, necesas ke ĉiuj strebu diskonigi kaj anonci nian movadon en ĉiuj amaskomunikiloj.

En la tempo, kiam ni atingos tiun celon, estos vere demokratia komunikado inter la popoloj de nia planedo.

Por ke tio okazu necesas la laboro de ĉiuj.

Kun tiu ĉi mesaĝo, denove la apero papere de nia revuo La Lampiro, kiu estas la instrumento kiu konektas niajn membrojn al la asocio.

Ni devas memorigi ke la destino de nia asocio ne estas respondeco nur de ĝiaj gvidantoj, sed ankaŭ de ĉiuj membroj.

Antaŭen kaj laboru kune kun ni.

## Artistoj de San-Paŭlo - Menalton Braff *(Daŭrigo de la paĝo 14)*

urbo en Brazilo, sed ne estas pli malpura ol iu ajn alia havenurbo, kaj ni tiam staris en nova haveno, supozeble pura haveno. Tuj apud ni, sepetaĝa, malhela konstruaĵo estis iom post iom kovrata de la marborda sablo. Sed tion mi eksciis poste, longe poste, kiam mi jam sciis, kio estas elreviĝoj kaj kiam la platformoj jam ne aspektis al mi tiom altaj.

Mi ne scias, kiel okazis la miraklo, mi ne memoras. Kaj same mi ne memoras, kio ĝi estis, sed certe ĝi estis ia miraklo, ĉar subite ekaperis el tiu ŝlimo io tre vivkolora. Ia aĵo brilanta, en la fundo. Mia memoro inventas fortan bluon, kun flavaj kaj ruĝaj strioj. Kio ĝi estis? Ne eblas scii. Povus esti fiŝo aŭ nur skatoleto por pomado aŭ kolbasoj. Kion mi memoras, kaj tre intense! , tio estas mia raviĝo. Tiu aĵo, tiu estaĵo, ravis min. Nenio praktika, neniu ideo pri utileco aŭ signifeco restis al mi. Kio restis, alkroĉita al miaj neŭronoj, kiuj respondecas pri mia memoro, kion mi neniam plu forgesos, tio estas la emocio, kiun mi tiam spertis. Ĉi tiun mi portos kun mi dumvive.

## KULTURKUNVENOJ EN LA SIDEJO DE EASP
## ĈU ANKORAŬ ESTAS LOKO POR ILI?

Tradicie, kluboj kaj asocioj Esperant-istaj havas sian internan vivon. Sidejo, propra aŭ funkcianta en publika loko (kulturdomo, restoracio, socia klubo, aŭ simile) nur havas sencon, se ĝi taŭgas por kunvivado inter la anoj. Movado, en kiu centran rolon plenumas lingvo, memkompreneble inklinas al kunvivado. Ĝi permesas praktikadon de la lingvo, interamikiĝon kaj ankaŭ kleriĝon – la Esperantomovado estas propre kultur-movado.



En sidejo oni povas simple babili, instrui la lingvon, konsulti la biblio-tekon, zorgi pri administraj aferoj, kiuj interesas la anojn, kaj prepari kultur-kunvenojn. Dum jardekoj tio regule okazas en bone organizitaj Esperanto-asocioj: unufoje monate (aŭ eĉ pli ofte) oni programas kunsidojn por prezento de prelegoj, diskutoj, komuna aŭskutado de radiprogramoj, spektado de filmoj, legado de libroj, k.a..



Ankaŭ en EASP tio longe funkciis, kun relative bona profito por ĉiuj. Lastatempe, tamen, la sidejo iom post iom malpleniĝas. Nemultaj samideanoj frekventas ĝin regule – kaj preskaŭ ĉiam la samaj. Kion tio signifas? Ĉu temas simple pri la fakto, ke la membraro malpliiĝis? Aŭ temas pri tio, ke la homoj jam ne interesiĝas pri kulturkunvenoj? Kian influon je tio havas interreto, kiu akaparas la atenton de la tuta homaro kaj tamen iom post iom malpliigas la personajn kontaktojn?

Ne temas pri konservemo. Nuntempe, kun la helpo de teknologio kaj de interreto mem, eblas organizi kultur-kunvenojn tre riĉenhavajn. Oni povas prezenti filmojn (oni jam faras tion en EASP); oni povas pretigi internaciajn interparolojn kun alilandaj homoj per komputila konekto; oni povas organizi prelegojn ankaŭ per la komputila konekto; oni povas grupe aŭskulti (kaj pridiskuti) podkastojn el la tuta mondo; kaj multajn aliajn similajn agadojn.

Por tio, sufiĉas, ke la EASP-anoj vizitu la sidejon kaj pretu kunlabori por organizi kulture valorajn kunvenojn. Esperanto povus fariĝi por ni ĉiuj, laŭ tiu vojo, mirinda travivaĵo. Dependas de ni!

Kiu pretas?

# Traduku kaj komparu



**Machado de Assis** (1839-1908)

*O ESPELHO*
*ESBOÇO DE UMA NOVA TEORIA DA ALMA HUMANA*

*Quatro ou cinco cavalheiros debatiam, uma noite, várias questões de alta transcendência, sem que a disparidade de votos trouxesse a menor alteração aos espíritos. A casa ficava no morro de Santa Teresa, a sala era pequena, alumiada a velas, cuja luz fundia-se misteriosamente com o luar que vinha de fora. Entre a cidade, com as suas agitações e aventuras, e o céu, em que as estrelas pestanejavam, através de uma atmosfera límpida e sossegada, estavam os nossos quatro ou cinco investigadores de cousas metafísicas, resolvendo amigavelmente os mais árduos problemas do universo.*

*Por que quatro ou cinco? Rigorosamente eram quatro os que falavam; mas, além deles, havia na sala um quinto personagem, calado, pensando, cochilando, cuja espórtula no debate não passava de um ou outro resmungo de aprovação. Esse homem tinha a mesma idade dos companheiros, entre quarenta e cinquenta anos, era provinciano, capitalista, inteligente, não sem instrução, e, ao que parece, astuto e cáustico. Não discutia nunca; e defendia-se da abstenção*

LA SPEGULO
SKIZO DE NOVA TEORIO PRI LA HOMA ANIMO

Kvar aŭ kvin sinjoroj diskutadis, unu vesperon, plurajn altintelektajn demandojn, sen ke la diverseco de opinioj kaŭzus plej etan ekscitiĝon en iliaj mensoj. La domo situis sur la monto de Sankta Terezo, la ĉambro estis malvasta, prilumata per kandeloj, kies lumo mistere fandiĝis kun la lumbrilo venanta el ekstere. Inter la urbo, kun ĝiaj tumultoj kaj aventuroj, kaj la ĉielo, en kiu palpebrumadis steloj, tra klara kaj kvieta atmosfero, estis niaj kvar aŭ kvin esploristoj de metafizikaj aferoj, amike solvante la plej penigajn problemojn de la universo.

Kial kvar aŭ kvin? Striktadire, nur kvar parolis; sed, krom ili, estis en la ĉambro kvina rolulo, silenta, pensanta, dormetanta, kies kontribuo al la debato limiĝis al unu aŭ alia aprobgrumblo. Tiu homo estis samaĝa kiel liaj kunuloj, provincano, kapitalisto, inteligenta, ne malklera, kaj, laŭŝajne, sagaca kaj mordhumora. Li neniam diskutis; kaj li kutimis defendi sian sindetenon per paradokso, dirante, ke diskuto estas

*com um paradoxo, dizendo que a discussão era a forma polida do instinto batalhador, que jaz no homem, como uma herança bestial; e acrescentava que os serafins e os querubins não controvertiam nada, e, aliás, eram a perfeição espiritual e eterna. Como desse esta mesma resposta naquela noite, contestou-lha um dos presentes, e desafiou-o a demonstrar o que dizia, se era capaz. Jacobina (assim se chamava ele) refletiu um instante, e respondeu:*

*— Pensando bem, talvez o senhor tenha razão.*

ĝentila formo de batalinstinkto kuŝanta en homoj, kiel besta heredaĵo; kaj li aldonis, ke serafoj kaj keruboj neniel disputas, kaj, cetere, ili estas la spirita kaj eterna perfekteco. Ĉar li same respondis tiuvespere, unu ĉeestanto kontestis kaj defiis lin demonstri, kion li asertas, se li kapablas. Jacobina (jen lia nomo) konsideris momente kaj respondis:

—Je dua penso, eble vi pravas.

(Esperantigis Francisco S. Wechsler.
El la kolekto “La Sekreta Kaŭzo kaj aliaj rakontoj”)



# INTERRETAJ INDIKOJ

Regula aŭskultado de Esperanto estas efika rimedo por progreso en la uzado de nia lingvo. Nuntempe, per interreto oni povas tion fari tute kontentige. Kelkaj minutoj ĉiutage donas bonajn rezultojn por progresantoj (kaj veteranoj!). Jen ni indikas kelkajn retejojn, per kiuj oni povas ricevi bonan materialon. Provu! Kaj ne forgesu sendi al la koncernaj retejoj viajn komentojn, kiuj ĝenerale signifas apogon al ilia laboro.



**Pola Retradio** — 25-minutaj variaj, riĉenhavaj programoj en senriproĉa elparolo kaj lingvaĵo, dufoje en ĉiu semajno;

**Esperanta Retradio** — 5- minutaj podkastoj, kies tekstoj aperas por samtempa akompano, pri plej variaj temoj de la aktuala vivo;

**Radio Rio de Janeiro** — nuntempe provizas la publikon per kvin regulaj programoj, en aŭ pri Esperanto;

**Radio Vatikana** en Esperanto — 8-minutaj programoj en bela elparolo, plej ofte kun katolika enhavo.

Ĉu vi kutimas aŭskulti aliajn Esperanto-elsendojn? Sendu al ni viajn sugestojn kaj komentojn!

# Scienco
## Duklinga tranĉilo

**Paŭlo Sergio Viana**

La moderna okcidenta medicino havas siajn kontraŭdirojn. Dum la lastaj semajnoj, seriozaj publikaĵoj montris unu plian el tiaj kontraŭdiroj. Temas pri la medikamentoj "omeprazol" kaj similaj "pantoprazol", "esomeprazol", kaj aliaj de la sama grupo. Certe vi jam aŭdis pri ili – eĉ se vi persone ne kutimas engluti ilin.




Oni konsideras ilin kiel gravan, pozitivan atingon de la farmacia scienco. Ili malpliigas la produktadon de acido en la stomako kaj draste plibonigas la rezultojn de kuracado de ulceroj en la stomako kaj duodeno. Kaj oni uzas ilin ankaŭ prevente, kiam la paciento suferas de iu malsano, kiu povas komplikiĝi pro stomaka inflamo, aŭ kiam la paciento englutas aliajn medikamentojn, kiuj alportas riskon de stomaka inflamo.

La pozitiva efiko de tiuj medikamentoj faris ilin tre popularaj, ne nur inter kuracistoj, sed ankaŭ rekte inter la pacientoj mem. Ili fariĝis " laŭmodaj". Tio estas danĝera, ĉar intervenas en tiaj okazoj ekonomiaj faktoroj (la farmacia industrio volas gajni monon, ĉu ne?).

De tia "populareco" rezultis frapantaj ciferoj. Milionoj da homoj en la tuta mondo englutas "omeprazolon" aŭ ĝiajn "fratojn". Atenta analizo de tiuj kazoj, en Usono, montris, ke tri kvaronoj el tiuj uzantoj fakte ne devus fari tion – ĉar mankas raciaj kriterioj por tiu uzado. Kaj plej grave: multaj pacientoj faras tion dum longa tempo, tio estas, dum sinsekvaj monatoj, eĉ dum jaroj.

Seriozaj esploristoj decidis observi tiujn homojn. Kaj jen ili liveras alarman atentigon: tiuj medikamentoj prezentas riskojn, se uzataj senkriterie kaj dum longa tempo. Inter maljunaj homoj (oftaj uzantoj!) ili pliigas la aperon de demenco, kompare kun neuzantoj. Krome, inter uzantoj de tiuj medikamentoj la okazado de certaj intestaj infektoj estas pli multenombra ol inter neuzantoj.

Post zorgaj statistikaj analizoj, seriozaj esploristoj atentigas kuracistojn kaj la ĝeneralan publikon: "omeprazol" kaj samgrupaj medikamentoj devas esti preskribataj nur kun strikta kriterio por indiko. Jen informo, kiu interesas nin ĉiujn, ĉar tre probable unu el niaj familianoj aŭ amikoj, almenaŭ, troviĝas sub risko. Ni atentigu lin!

"Laŭmodaj" medikamentoj estas tamen drogoj, pri kiuj oni devas nepre ne flankenlasi prudenton.

(Artikolo publikigita en la retejo esperantaretradio.blogspot.com.br)

# Kulturdomoj en San-Paŭlo

## Teatro Sankta Petro



En la jaro 1917, inaŭguriĝis en la kvartalo Barra Funda, en la urbo San-Paŭlo, luksa teatro, konstruita de la portugalo Manuel Fernandes Lopes. Tiutempe ĝi enhavis dekojn da loĝioj, balkonoj kaj pli ol mil sidlokoj. Komence oni prezentis tie nur dramojn, sed ekde la jaro 1920 oni uzis ĝin precipe kiel kinejon, ĝis la jaro 1967. Poste oni reformis la ĉambron kaj ĝi revenis al sia funkcio de kulturdomo kaj teatrejo. Dum kelkaj jaroj oni prezentis tie epokfarajn teatraĵojn de famaj aŭtoroj. En ĝi ĉeestis ofte homoj, kiuj havis politikajn aktivecojn, favore al redemokratigo de Brazilo. Okazis persekutoj, kaj la teatro trapasis novan fazon de malfacilecoj kaj forlasiteco. En 1984, la Ŝtata Sekreatrio de Kulturo alprenis ĝian administradon, oni dekretis la konstruaĵon leĝe protektita kaj oni restaŭris ĝin.



Nuntempe troviĝas en la teatro 636 sidlokoj. La programo estas precipe dediĉata al muziko, precipe al operkanto. Formiĝis internacinivela Orkestro de la Teatro San-Petro.



# Interpunkcio
## Kelkaj lernofontoj

**Leandro Abrahão**

Pri la temo Zamenhof skribas en *Esperantisto*, 1893, p. 127, ke “la reguloj pri la uzado de la interpunkcioj estas en nia lingvo pli-malpli tiaj samaj, kiel en iuj aliaj lingvoj; sekve ĉiu povas uzadi en Esperanto la interpunkciojn tiel, kiel li uzas ilin en sia nacia lingvo. Estas vere, ke en diversaj detaloj la uzado de la interpunkcioj estas malegala en diversaj lingvoj; sed ĉar la objekto ne estas tre grava, tial ni pensas, ke ne venis ankoraŭ la tempo por difini en nia lingvo severajn regulojn por tiuj ĉi detaloj. En tiuj ĉi dubaj detaloj ĉiu povas uzi en Esperanto la interpunkciojn tiel, kiel li uzas ilin en sia nacia lingvo, kaj **nur la uzo iom post iom ellaboros por tiuj ĉi negravaj detaloj difinitajn regulojn**.”

La uzado de **skribosignoj** tre diversas ĉe esperantistaj verkistoj. Dum la legado de esperantlingvaj verkaĵoj, ĉu tradukitaj, ĉu originalaj, oni facile rimarkas eĉ ene de unu verko, kiel malsame aŭtoroj metas tien kaj tien ekz. komojn. Tia malsameco certe pravigas la respondon de Zamenhof. Tamen tre ofte mi demandas min, kial, pro di[1], oni metis komon ĝuste tien. Povas esti, ke ankaŭ vi spertas la samon, eble ne pro nura scivolo, sed pro tio ke mia kaj via celo estas eltrovi iajn regulojn kaj scii, kiel la uzo, neuzo aŭ uzomaniero **influas la sencon**[2].

Verkaĵoj pri la temo ne estas tiel ofte troveblaj. Mi mem nur hazarde trovadis ilin. Ekzemple, s-ino Marie Bartovská, Ĉeĥino (1912-1999), estis premiita en la Belartaj Konkursoj de UEA, en 1980, en la branĉo Eseo ĝuste pro eseo pri “komo”. La verkaĵo estas publikigita en la libro “Interlingvo Inter Lingvoj” (kolekto de prilingvaj eseoj, eldonita de UEA en 2015).

Komence de la 20a jarcento s-ro P. Fruictier, franca esperantisto, publikigis broŝuron, kies titolo estas Esperanta Sintakso. Fine de la libro (kiun vi povos libere elŝuti el la retejo de Projekto Gutemberg[3]) vi trovos la mallongan ĉapitron “Interpunkcio”. Komence la aŭtoro prezentas la opinion de Zamenhof kaj lian manieron uzi komon: “D-ro Zamenhof uzas komon inter ĉiu propozicio, t.e. antaŭ ĉiu vorto demanda aŭ rilata, inter du terminoj de komparo, k.t.p.”

Verŝajne la kompreno de tio, kion oni nomas “propozicio” estas ŝlosila por krompreni ekz. kiel uzi komon. S-ino Marie Bartovská, en la eseo, kiun ni citis antaŭe, skribas: “Ili [komoj] devas apartigi la unuopajn propoziciojn (...). En propozicio estas ĉefa la verbo. Verbo estas la kerno de propozicio.”

Pri “propozicio” vi povos legi en la menciita broŝuro de Fruictier, en “Detala Gramatiko de Esperanto”[4], verkita de Bertilo, kaj en “Gramatiko de Esperanto[5]” de Miroslav Malovec. En ĉi

tiu lasta vi legos ne nur pri propozicio, sed vi trovos tutan ĉapitron pri ortografio. Pri interpunkcio oni trovas materialon ankaŭ en Vikipedio[6].

En Plena Analiza Gramatiko[7] oni trovas tre utilan artikoleton pri interpunkcio. En la reto vi trovos la kvinan eldonon de la verko (sufiĉas serĉi ĝin laŭnome per guglo).

Se la temo estas nova por vi, se vi neniam pensis pri ĝi, certe la redaktopolitiko de la revuo Monato[8] estos tre bona komenco, antaŭ ol vi ekpilgrimos tra la verkoj menciitaj en ĉi tiu artikolo.

Bonan studadon!

---

[1]di = Dio (Pronomo proponita de Claude Piron. Vidi la libron *Dio, Psiĉjo kaj mi*.

[2] La frazoj "Ne mi iros" kaj "Ne, mi iros" estas malsamaj. Kion vi komprenas el ili?

[3] http://www.gutenberg.org/ebooks/47855

[4] Detala Gramatiko de Esperanto estas verkita de Bertilo Wennergren kaj eldonita en la jaro 2010 kunlabore de E@I kaj ILEI.

[5] Gramatiko de Esperanto estas eldonita de KAVA-PECH en 1999.

[6] https://eo.wikipedia.org/wiki/Interpunkcio

[7] Plena Gramatiko de Esperanto (mallonge PG) estis verkita de la duopo Kalocsay-Waringhien kaj publikigita en 1935 ĉe Literatura Mondo en Budapeŝto.

[8] http://www.monato.net/ - ĝi estas internacia Esperantlingva magazino, fondita en 1979 de Stefan Maul.



## Eduki por la vivo

*(Daŭrigo de la paĝo 6)*

Kvankam ne bone komprenante la kialon, mi consentis, por malkovri la veran intencon de la knabo.

Kiam mi fermis la pordon, li atendis kelkajn sekundojn kaj frapis tri fojojn sur la pordo laŭte kaj belsone kriante: "Sinjoriiiino!"

Mi malfermis la pordon, prenis lin en miajn brakojn, kuradis tra la lernejo al ĉiuj parolante pri la fakto, eble banala por la plimulto, tamen tute neforgesebla por mi, kiu ĝis hodiaŭ larme parolas pri tio...



## Lingva Diverseco

*(Daŭrigo de la paĝo 12)*

invitas vin, kiu legas tiun ĉi tekston, esplori la lingvojn ekzistantajn per Vikipedio. Elektu iun ajn artikolon tie (vi povas legi, ekzemple, la difinon de "pomo"), kaj en la maldekstra flanko de la paĝo, iom malsupre, ŝanĝu la lingvon de la artikolo. Estas amuza afero! Rimarku ĉu la legado daŭre komencas per la maldekstra flanko, ĉu la alfabeto estas malsama kompare kun la antaŭa, ĉu oni skribas la literojn (aŭ simbolojn) aparte aŭ kune, ktp.






**Lingvo kaj vivo**
Gaston Waringhien - UEA, 1989
21cm, 452 paĝoj - R$ 38,70

*Eleganta studaro pri la fontoj kaj strukturo de Esperanto: unu el la ĉefverkoj de la esperantologio.*




**Esperanta Antologio**
UEA, 1984 - 22cm 900 paĝoj
R$ 40,50

*Kolekto da poemoj inter la jaroj 1887 ĝis 1981.*




**Fundamenta Krestomatio**
L.L. Zamenhof - UEA, 1992
21cm, 464 páginas - R$ 36,00

*Unua kolekto da originalaj kaj tradukitaj tekstoj, kompilitaj de la aŭtoro mem de Esperanto.*




**La maŝino kiu kriis**
Pro Esperanto, 1995
23cm, 105 paĝoj - R$ 56,75

*Dek unu rakontoj de konataj aŭtoroj (Piron, Nervi, Boulton, Steele k.a) pri "strangaj fenomenoj".*




**Cent jaroj da soleco**
Gabriel García Márquez
Mondial, 2015 - 22cm
411 páginas - R$ 130,50

*Magirealisma romano de la Nobel-premiita kolombiano.*




**Poemo de utnoa**
Abel Montagut - Pro Esperanto, 1993
24cm, 223 páginas - R$ 81,00

*Laŭ la skolta poeto W. Auld, "La unua vere atentinda fantascienca epopeo en la mondo, kaj unu el la tre malmultaj modernaj epopeoj"*

**easp.org.br/butiko**




8 - 9 oktobro

# 10-a Esperanta

## Kongreso de la Ŝtato San-Paŭlo





easp.org.br/ilhabela

**REALIGO**




Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

*contato@easp.org.br*
*financo@easp.org.br*
*(11) 3862-1183*

**Kontakto en Belsinsulo:**
*crisgraaf@hotmail.com*

**KULTURA KAJ STRUKTURA APOGOJ**



Urbodomo de Belinsulo



Brazila Esperanto-Ligo






Karagŭatatuba E-Klubo




Asocio Esperantista de Rio-de-Janejro




Kune kaj June